# Aŭstraliaj Esperantistoj


## Novaĵletero de ĉiuj Aŭstraliaj Esperantistoj

**RETADRESE AL ĈIU ESPERANTISTO EN AŬSTRALIO, NOVZELANDO KAJ PETANTOJ**





**Redaktoro Roger Springer Provlegita de Franciska Toubale**

**PLENUMITA 26/04/2018 Tricentsepdekunua eldono (unua eldono 20/09/2011)**

SENDITA AL 325. La informa kaj noma paĝoj reaperos nur kun la dekaj eldonoj





Sendu novaĵojn, leterojn, fotojn, informojn al Roger Springer rogerspringer@tpg.com.au;


## Ĉiuj tagaj ligoj al informaĵaj paĝoj uzindaj, helppretaj al Esperantistoj

*reta-vortaro *Freelang Vortaro *Plena Ilustrita Vortaro * Esperanta Retradio *Google Translate *Pasintaj eldonoj*

Ctrl+klaku ligojn por kapabligi la malfermon. Kutime, sed ne ĉiam, la ligoj havas verdetan koloron

Oni povas meti sian nomon, retadreson, urbon kaj landon al la listo de ricevantoj. rspring@tpg.com.au

## Ĝis nun 1,660,000 lernantoj ekstudis Esperanton per Duolingo



Ekstudis pli ol 1,310,000 lernantoj per la angla lingvo. (Ekde Majo 2015)

Ekstudis pli ol 355,000 lernantoj per la hispana lingvo. (Ekde Oktobro 2016)

Ekstudis pli ol 2 lernantoj per la portugala lingvo. (Ekde Majo 2018)

https://www.duolingo.com/course/eo/en/Learn-Esperanto-Online

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

# Gramatika serio “La Verbo en P.A.G.”.

## N.ro 25 ( La Plena Analiza Gramatiko de Waringhien kaj Kalocsay) .



Antaŭ ol daŭrigi pri la “voĉoj”, necesas ke mi klarigu kial mi ne samopinias kun PAG pri kio estas “voĉo”. La temeto estas nur akademia, kaj ne ŝanĝas la regulojn kaj aplikojn de la gramatiko, kaj koncernas nur la terminologion.




Gramatika “voĉo” koncernas la direkton en kiu oni rigardas okazon. Okazo sekvas tempon, sed en senmova bildo ni vidas ĉion samtempe. La lingvo nur parte sekvas la tempon de okazo, kaj plej ofte elektas sisekvon de okazetoj en la bildo laŭ tio, kion ĝi trovas plej interesa aŭ elstara. Kutime la atento unue fiksiĝas sur ion aŭ iun kiu plenumas agon, kaj nomas ĝin la gramatika Subjekto. Post tio la atento fiksiĝas sur la agon, kaj ĝi nomiĝas la Predikato. Se la Predikato reprezentas transitivan agon, bezoniĝas tria parto nomita la gramatika Objekto. Post tio la atento observas eventualajn cirkonstancojn. En lingvo, kiu ja sekvas tempan vicordon, ni normale mencias la du aŭ tri aŭ kvar partojn menciitajn en la sama vicordo, praktike aŭ teorie. La gramatikaj voĉoj estas la diversaj vicordoj en kiuj mencii tiujn kvar partojn. Tio do dependas nur de la parolanto de la lingvo, ĉar la bildo

mem restas komplete la sama en ĉiuj voĉoj. Konsekvence ankaŭ la vortoj por la diversaj partoj restas la samaj. Sed por indiki el kiu direkto oni rigardas la okazon, la ordo de la vortoj ŝanĝiĝas kaj kelkaj vortoj ricevas indikilon, vorton aŭ vorteton aŭ afikson, por montri el kiu direkto la observanto rigardas. En Esperanto, kie unu vorto reprezentas unu agon, la verbo ricevas sufikson por indiki alian observdirekton ol la precipa, nomata la Aktiva Voĉo. La dua voĉo nomiĝas la Pasiva Voĉo kaj tial ricevas la sufikson "-ati". Intertempe nenio ŝanĝiĝas en la bildo, en la okazo. En la Pasivo ni observas unue la gramatikan Objekton kaj post tio la agon, la neŝanĝitan agon, la verbon, kaj post tio la originan aganton esprimitan aŭ ne. En la tria voĉo, la Mediala Voĉo, oni vidas nur la antaŭan Objekton kaj la agon kiel okazantan sen specifa aktiva aganto. Ĝia sufikso estas "-iĝi". En la kvara voĉo, la Faktitivo, la sufikso "-igi" kaj ĝia nova ekstera subjekto kaŭzas ke la bildigita okazaĵo okazu.

Nu, ĉar en ĉiu voĉo la agon reprezentas nature kaj principe nur unu vorto, mi konsideras nur unuvortan verbon kiel voĉan verbon, kiel verbon reprezentantan la unu agon, kaj kiu estas verbo kun speciala voĉsufikso.

Kiam la sufiksoj ati kaj iĝi kaj igi estas uzataj aparte, mi konsideras ke ili estas memstaraj verboj, ne voĉoj, ankaŭ ĉar krom uzi ilin kun infinitivo, oni povas krei multajn similajn verbkombinaĵojn kiujn oni do devus ankaŭ nomi voĉoj, kiel "Mi konvinkis ŝin aĉeti tiun aŭtomobilon". Nur verboj kun la sufiksoj ati kaj iĝi kaj igi estas veraj voĉoj, la analizaj estas nur pseŭdovoĉoj.

*Marcel Leereveld*



# La Manlia Esperanto-Klubo







Anoj kunvenas la unuan kaj trian sabatojn je la 10atm. Bavarian Beer Café, Manly Wharf. Unu taso da klubpagita kafo atendos vin.

La 21a de Aprilo estis la tria sabato. Venis kvar anoj. Roger Springer, Chris Holliss, John Casey kaj Eunice Graham. *Roger Springer*



# "Hygge" (1)



Kun eĉ tre granda ĝojo mi ricevis "Aŭstraliaj Esperantistoj" n-ron 370. Mi trovis en ĝi rimarkindan artikoleton de nia eminenta samideanino Vera Payne. Ŝi verkis ion treege interesan pri "*HYGGE*".

"*Hygge*" estas verŝajne la plej grava vorto en la dana lingvo. Mi ne sciis, ke oni prononcas ĝin "*huga*". La ĝusta prononco estas "*hygge*". Prononcu ĝin kvazaŭ ĝi estus Esperanta vorto. La "*y*" estas en la dana lingvo ĉiam prononcata kiel la germana kaj sveda "*ü*". Ankaü la francoj ofte prononcas sian "*u*" kiel "*ü*". La "*ü* - sono" estas, almenaü en Eŭropo, tre konata. Ankaŭ en Aŭstralio oni oftege aŭdas ĝin. Multaj aŭstralianoj, eble la plej multaj el ili, prononcas ekz. "*You*" precise same kiel la danoj prononcas la "*y*" en "*hygge*". Sed la danoj prononcas la vorton "*you*" kiel "*ju*". La aŭstralianoj, precipe la virinoj, prononcas ĝin "*jy*" kaj "*jü*. Tiel estas, ni ne intencas ŝanĝi tion!

"*Hygge*" estas la dana vorto por tio, kion la angloj nomas "*cosiness*", kaj "*comfort*", se oni sentas sin "*cosy*", se oni ĝuas agrablan horon oni ĝuas la "*hygge*". Se oni enloĝiĝas en malplenan domon, tiu domo certe ankoraŭ ne estas "*hyggelig*" (*cosy*). Sed post kiam la kurtenoj estas pendigitaj oni komencas senti la "*hygge*". Kaj multe pli da "*hygge*" troviĝos, kiam ĉiuj mebloj fine estas metitaj en la ĝustajn lokojn ktp. Tiam la tuta domo estas "*hyggeligt*". Gastoj venos kaj ĝuos la "*hygge*". Do, oni povus traduki ĝin kelkfoje per la angla vorto "*nice*"!



Same kiel en ĉiuj naciaj lingvoj, ankaŭ en la dana estas oftege tre malfacile traduki multajn vortojn korekte! *Bob Felby*

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

# "Hygge" (2)



Kara Vera,

jes, "hygge", aŭ ujutneco, ludas tre gravan rolon en la vivo de la danoj. Oni tre ŝatas krei agrablan etoson, en kiu regas harmonio. Ĝis tia grado, ke harmonio estas pli grava ol la reala mondo. Plej simple estas, prisilenti problemojn.

Jes, ofte oni legas, ke la danoj pri si mem opinias, ke ili estas la plej feliĉa popolo de la mondo. Certe oni bone vivas en Danlando, se oni havas sufiĉe da mono. Nur - mi demandas min mem, kiel tiu sento pri feliĉo kongruas kun la fakto, ke ni averaĝe havas du memmortigojn tage, ke oni konsumas pli da alkoholo ol multaj aliaj popoloj kaj sekve en la lando ekzistas multaj homoj kun alkoholproblemoj, speciale inter junuloj la drinkado estas problemo.

Kiel oni tamen povas senti, ke oni estas tiom feliĉa? Helpas du rimedoj: Unue, kiel menciite, en la nomo de harmonio prisilenti problemojn kaj due, nescio en kombino kun neintereso pri aliaj landoj. Kiaj estas la vivkondiĉoj en aliaj, kompareble riĉaj landoj, tio apenaŭ interesas.

Konatulo de mi havas mondglobon, kiu bonege montras la danan sintenon: La duonon de la globo okupas Danlando, tiam estas multe da akvo, kaj sur la alia flanko de la globo troviĝas, iom pli malgranda ol Danlando, Usono. Du lingvoprofesoroj en libro pri la dana lingvopolitiko parolas pri "memkoloniigo": Nur Usono kaj sekve la angla interesas.

Danlando oficiale estas kristana lando, la monarko devas esti membro de la dana popola eklezio (*Folkekirke*). Sed bedaŭrinde en la dana biblio ne ekzistas la vorto karitato.




Eksterlandanoj estas tre bonvenaj, se ili estas helhaŭtaj kaj se ilia denaska lingvo estas la angla. EU-civitanojn oni akceptas, sed malhelhaŭtaj nekristanoj prefere restu for.

Plej laste la registaro eĉ decidis, ke oni en ĉi tiu riĉega lando ne havas lokon por almenaŭ 500 fuĝintaj mizeruloj, pri kiuj la UN petis, ke oni prenu ilin.

La problemoj de la mondo ne tuŝu nin, ni festu en harmonio!

Amike, *Peter Weide*



# Ĝ a r d e n k o m p u t i l o j .



## KIEN IROS LA ETNAJ LINGVOJ, KAJ KIEN ESPERANTO ?

Ni, Esperantistoj, ĉiuj samopinias pri la unua parto de la titolo: la etnaj lingvoj iros sian propran nekonatan vojon, same kiel ili faris el de la komenco de sia ekzisto. Etnaj lingvoj, kun nur unu aŭ du modernaj esceptoj (hebrea) kaj nur kelkaj malnovaj (islanda) kiujn oni iomete gvidis artefare, ne konscie faratas de siaj parolantoj. Ĉiu ŝanĝo aŭ aldono okazas ne konscie, ne pro la decido aŭ influo de lingvistoj aŭ aliaj sciencistoj. Plej ofte la ŝanĝoj kaj aldonoj estas arbitraj, hazardaj, kapricaj, kaj ili plej ofte okazas pro novaj teĥnikaĵoj aŭ kulturaĵoj. La ŝanĝoj kaj aldonoj ne necese faras la lingvon pli bela aŭ pli bona aŭ pli klara, nek pli facile lernebla aŭ pli fidinda.

Ni samopinias pri ĉi ĉio sed la homoj ne samopinias pri kien iras aŭ iru Esperanto. Eĉ inter la Esperantistoj ekzistas malsamaj opinioj ĉu ĝi devas disvolviĝi kaj ŝanĝi same kiel faras la etnaj lingvoj, aŭ ne, kaj kiel ne. Pluraj Esperantistoj, kvankam malmultaj ne-Esperantistoj, estas certaj ke Esperanto devos artefare disvolviĝi, ne nature ĉar nature ĝi similos al la etnaj lingvoj kaj ne taŭgos por funkcii kiel simpla, facila, tamen riĉa kaj senescepta kaj logika kaj do fidebla interkomunikilo inter ĉiuj homoj. Ĝia simpleco kaj esceptomanko faras ĝin fidebla, kion etnaj lingvoj ne estas. Pro la eblo aglutine krei senliman kvanton da vortoj kunmetitaj el la stoko de relative malgranda nombro da oficialaj vortoj la lingvo estos riĉa kaj tamen facile lernebla. Ĝiaj nur kelkaj gramatikaj reguloj havos la saman rezulton.

Sed kiu decidos ĉu nova vorto, t.n. neologismo, akceptatu pro neeblo krei ĝin per vortkunmetado, kaj kiu decidos ĉu nova gramatika variaĵo estas laŭ la spirito de Esperanto? Devas ekzisti instituto de tre kompetentaj kaj fidindaj Esperantologoj kiuj funde opinias ke Esperanto ne ŝanĝu sian Fundamenton kaj kies membroj kune decidos, ĉu nova vorto aŭ nova gramatika uzo estas akceptinda.

Tia instituto kompreneble ne havos la povon devigi Esperantistojn uzi nur la ĝustan Esperanton, sed ĝi povas averti la tutan Esperantistaron pri tio kio estas uzinda kaj pri tio kio estas kontraŭ la spirito de Esperanto kaj ne kaŭzos ŝanĝon de ĝia Fundamento. Sendube ĝi havu la subtenon de U.E.A. kaj de la Akademio de Esperanto, kiuj eĉ povos decidi pri ĝia konsisto. Unu el ĝiaj taskoj devas esti, averti la tutan Esperantan movadon ĉu neologismo aŭ gramatika variaĵo estas konforma al la reguloj de la Fundamento aŭ ne. Sed tiu avertado devas nepre farati tuj post la apero de tia novaĵo. Tio estas grava por ke falsa intrudo ne fariĝu malfacile neekstermebla kutimo, da kiuj ni plu havas dekon en la lingvo.

Se ni ne havos tian instituton, Esperanto daŭre plu degeneros al lingvo simila al la etnaj lingvoj ne uzindaj kiel internaciaj interkomunikiloj ĉar ne simplaj, ne logikaj, ne senesceptaj kaj ne fidindaj. *Marcel Leereveld.*



## LA UNUAJ DEK-KVIN PROPONATAJ TRADUKOJ DE "TO GET":

1). *We got there at five o'clock,* >>> Ni ALVENIS tie je la kvina,

2). *and got plenty of time,* >>> kaj HAVIS tre sufiĉan tempon,

3). *to get good seats.* >>> por AKIRI bonajn sidlokojn.

4). *In the restaurant we got a good meal,* >>> En la restoracio ni RICEVIS bonan manĝon,

5). *before we got too hungry.* >>> malpost ol ni IĜIS tro malsataj.

6). *They got us to eat quickly, though*. >>> Ili tamen IGIS nin manĝi rapide.

7). *Our conversation got along well*, >>> Nia konversacio PROGRESIS bone,

8). *before we got away home*. >>> malpost ol ni FORIĜIS hejmen.

9). *Also the others got back in time.* >>> Ankaŭ la aliaj REVENIS ĝustotempe.

10. *When we got down to the beach*, >>> Kiam ni MALSUPREN IRIS al la marbordo,

11). *we got in a dozen mussels,* >>> ni KOLEKTIS dekduon da mituloj,

12). *and got into the bus,* >>> kaj ENIRIS la aŭtobuson,

13). *which got off in time.* >>> kiu FORIRIS ĝustotempe.

14). *We got on very well,* >>> Ni AKORDIS tre bone,

15). *until we got off our horses.* >>> ĝis ni DEIRIS de niaj ĉevaloj.

Se vi trovas pli bonajn tradukojn de ĉi tiuj dek-kvin, sendu al ni.

La sekvantajn tridek-kvin tradukojn ni publikigos poste. *Marcel Leereveld.*



## POLUCIAĴOJ KAJ RUBUJAĴOJ.

Por resti fidebla por ĉiuj popoloj, la ĉiutaga Esperanto ne povas uzi figurajn esprimojn, cetere nenecesajn, kiel ekzemple la angla kaj la ĉina tiom ofte uzas. Figuraj esprimoj ofte naskiĝas el kulturaj kutimoj, kiuj ja ofte malsamas en diversaj landoj. Same malutilas, kion kelkaj Esperantistoj ofte faras, estas krei novajn vortojn por ekzistantaj vortoj. Ili ofte uzas tiajn figurajn novaĵojn por impresi. Unu tia kutimo estas la daŭra uzo de la apostrofita difina artikolo en ordinara lingvo, dum Zamenhof kreis ĝin specife por poezio. Ekzemple" Tral' vivo" kaj "L'aŭto del' najbaro". Uzantoj de tiaj "idiosinkrazioj" estas pestetoj en Esperantujo. Aliaj uzoj de idiosinkraziaj figuraĵoj apartenantaj al specialaj kulturoj estas korifeo por kongresgvidantino, etoso por atmosfero, kaj spekti por rigardi. Ankaŭ eskimoj kaj hotentotoj devas kompreni Esperanton, sen unue lerni la anglan. Eĉ la etnaj lingvoj uzas "rigardi" por spekti televidon aŭ teatraĵon. Alia sensencaĵo estas uzi "dank' al", dum neniel ekzistas regulo en nia lingvo ke oni povas senescepte ŝanĝi la adverban finaĵon "-e", kiel "alud'al" kaj "reven'al"; "dank'al" do estus escepto en la senescepta Esperanto. Simila stultaĵo estas enkonduki ĉefliteron en kunmetaĵon de du radikoj, kiel "Mia Tĉemizo" anstataŭ "Mia toĉemizo". Polucio kaj rubo! *Marcel Leereveld.*



# Oni ofte forgesas ke maljunuloj spertis junecon kaj junuloj spertos maljunecon.



Mi bone memoras kiam mi estis la junulo inter la Esperantaj amikoj. *Roger Springer*





# Paŭlo Gorny

Mi memoras Paŭlon speciale ĉe Kianiny apud Tathra en 2006. Paŭlo loĝis en Tathra tiam. Kiel LKK-ano Paŭlo helpis aranĝi la Somerkursaron tie kaj partoprenis en mia mallonga teatraĵo por NSK. Li estis bona parolanto de la lingvo kaj por mi ĉiam afabla kaj helpema homo. Kiel en la foto de la antaŭa AE, mi memoras lin ridetante ĉiam. Paŭlo ankaŭ helpis pri la aranĝo de la Somerkursaro en Sidnejo en 2009.



Restu pace Paŭlon. *Terry Manley*



# Semajna raporto de Melburno



## DIMANĈA KUNVENO

Dimanĉon la 22-an de Aprilo kvin homoj (inkluzive de du komencantoj) kunvenis ĉe ACMI Cafe & Bar por kafumi kaj babili.

## VENONTAJ KUNVENOJ

Dimanĉa kunveno, ĉe ACMI Cafe & Bar, Federation Square

Dimanĉon 29-an de Aprilo je 15:00-17:00

**NUNAJ SEKVANTOJ** (Alklaku la nomon por iĝi plua!)

Meetup – 1101 Instagram – 159

Facebook – 381 Telegram – 19

Twitter – 391 *Joanne Johns*



# “Malgrava historieto pri mia vivo” Bob Felby

## Ĉapitro 13 Mi fariĝas ankaŭ ĉerkoportisto. Dua ero



Iun posttagmezon mi iris hejmen post entombigo. Estis malvarme, ĉar estis vintro. Mi eniris la domon, ĝi estis bonega kaj varma. Sur la tablo staris kelkaj tasoj kaj kafujo. Neniu krom la nigra kato estis hejme. Tio neniam okazis antaŭe. Mi tuŝis la kafujon. Ĝi estis pli- malpli varma. Sed kie estas Audrey kaj la du knaboj, Marko kaj Allan ? Mi emis trinki la varmetan kafon, sed iel mia apetito jam estis for. Mi sidis kaj cerbumis iomete, ĝis malsanulveturilo haltis sur la vojo ekster la domo. Eliris Audrey kaj la du knaboj. Allan estis enpakita en lana litkovrilo. “Kio do okazis”, mi demandis al la malsanulveturilveturigisto. “Mi ne scias, mi nur hejmen veturigis la familion”, li respondis. Enirinte la domon Audrey klarigis, ke Marko Anglo kaj Allan kune kun aliaj knaboj estis ludantaj sur la glacio sur lago, kaj ke subite Allan falis tra la glacio, kie ĝi estis plej maldika. Vendejisto vidis tion el la fenestro de sia vendejo, kaj telefonis por ke venu malsanulveturilo. Mi tuj iris al la vendejo kaj dankis lin. Tiam mi aĉetis de li razilklingon, kaj ne perdis ĝin sur la vojo hejmen !

Fine de la monato mi pagatis pro tiu mia ekstra laboro. Tiam ni dum la tago iris per metroo al la norda distrikto, tre proksime al la unua parto de Kopenhago, elvagonariĝis kaj promenis longan vojon en la origina ĉarma Kopenhago. Fine ni alvenis al ludilvendejo, en kiu ni pasigis longan tempon aĉetante ludilojn por Marko kaj Allan. Antaŭ ol iri hejmen, ni manĝis kaj trinkis en restoracio en Kopenhago. Ni havis tiam monon, kaj ĝuis la vivon, kiu tiam en Danlando estis multe pli bona ol en Anglujo. *Daŭrigota* *BobFelby*





**3ZZZ** "En la elsendo de la 23a de aprilo 2018 eblas aŭdi intervjuon de Heidi Goes pri ŝia longa esplorado cele skribi la historion de Esperanto en Indonezio kaj samtempe iom de la historio de la lando Indonezio.



Eblas ekscii ankaŭ pri nova kompaktdisko trovebla en Vinilkosmo : *Brel en Esperanto* kaj audi kantojn de tiu kompaktdisko.



Informas la kunvokanto, Franciska Toubale"



## ANZAC-TAGO 2018 Feliĉan memorigan tagon kaj Feliĉan ferion



